# INTERNACIA FERVOJISTO




42a jaro n-ro 5 1990



SALUTON EL ČEĤOSLOVAKIO





Vojaĝcelo de 1991

## MAGRA BABILO

Jen numero de IF, kiu plene rilatas al IFEF. Ni donas pliajn informojn pri la 43a IFK kaj ties post-kongresa aranĝo, ni publikigas la protokolon de la kongresaj komitatkunsidoj kaj la resumon de jarrapartoj 1989 de la landaj asocioj.

Tial ni devis prokrasti plurajn artikolojn kaj noticojn.

Sed el tio ne pensu, ke neinteresa estas la enhavo.
Kontraŭe: Legu kaj spertu, ke la asociaj kaj federaciaj gvidantoj fakte laboras!

Red

## KONFERENCAS LA NOVA TK-GENERACIO




Ĉu vi
- estas iom pli aĝa ol la TK-anoj supre
- ŝatas pioniran aktivecon
- havas energion kaj persistemon
- emas aktivi en internacia teamo
- deziras efektive labori per Esperanto
- estas interesita pri esploro kaj tradukado
- deziras esti membro en intelekta rondo
- bone regas Esperanton?

Tiam aliĝu en la TERMINARA KOMISIONO!

En la TERMINARA KOMISIONO aktivas nun 17 naciojn!

La TASKOJ de la TERMINARA KOMISIONO estas
- starigi Esperanto - Nacilingvan Fervojfakan Vortaron
- traduki la novaperintajn fakvortojn kaj
- kunmeti ilin kontinue en Aktualan Fervojan Vortaron
- kolekti la difinojn en Fervojfakan Difin-Vortaron
- konsili en terminaraj demandoj kaj
- unuecigi la fervojfakan lingvon ESPERANTO

Ĉu vi ... vidu supre - tiam skribu al
H. Dieter Hartig, Kasseler Str. 76, D-2800 Bremen 1, Germanio.

INTERNACIA FERVOJISTO

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:** E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.
Tel +45 53 72 73 77. Telefakso (deĵore) +45 55 77 15 25.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

**Sekretario:** D-ro Romano Bolognesi, Via Misa 4, I-40139 Bologna.
**Dana poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.
**Dana bankkonto:** 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).
**Svisa bankkonto:** 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH 8590 Romanshorn.
**Svisa poŝtĉekkonto:** CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.




43a IFEF-kongreso
BRNO, 11a-17a de majo 1991

Aliĝiloj kaj financaj informoj:
s-ro Pavel POLNICKÝ
Příčná 150/VI
CS-290 01 PODĚBRADY

Generalaj informoj:
43a IFEF-kongreso
Ĉeĥa Esperanto-Asocio
Jilska 10, CS-110 01 PRAHA 1

Bankĉeka konto: ĈSOB Praha,
KB Nymburk, Esperanto; konto
n-ro 34833-49158-191

Aldone al la informoj en IF 4/1990 paĝo 61 jenaj aldonoj:

Prezoj estas en usonaj dolaroj (USD), kaj kongreskotizo ĝis 31a de januaro 1991 estas

| | |
|---|---|
| IFEF-membro .......................................... | 60.- USD |
| Familiano/junul(in)o ĝis 20 j ........................ | 30.- - |
| Nemembro de IFEF ..................................... | 70.- - |
| Subtena aliĝo (ne partoprenos la kongreson) min ....... | 15.- - |
| Ĉambroperado, po lito ................................ | 5.- - |
| Infano ĝis 15jara .................................... | 0 |
| - - - | |
| Folio de 5 glumarkoj (65 x 65 mm) .................... | 1.- USD |
| Ekskursoj | |
| Faka historia ekskurso (sen manĝo) ................... | 8.- USD |
| Duontaga ekskurso (Moravia Karsto) - sen manĝo ........ | 12.- - |
| Duontaga ekskurso (Buchlov, Bochlovice) - sen manĝo .... | 12.- - |
| Tuttaga ekskurso (Suda Moravio) - kun tagmanĝo ......... | 20.- - |
| Tuttage ekskurso (Olomouc) - kun tagmanĝo ............. | 18.- - |
| Tuttaga ekskurso (Strážnice) - kun tag- kaj vespermanĝoj | 25.- - |
| Bankedo .............................................. | 30.- - |

Notu bone, ke oni devas elekti unu tuttagan ekskurson, ĉar ĉiuj okazas samtempe la 15an de majo.

Tranoktado
En luksa hotelo 'Continental' (= kongresejo) inkl matenmanĝon po lito po nokto

| | |
|---|---|
| - en unulita ĉambro ................................. | 44.- USD |
| - en dulita ĉambro ................................... | 35.- - |
| - aldona lito ........................................ | 23.- - |

En neluksa hotelo ekster la urbo, sen matenmanĝo kaj kun komunaj necesejoj kaj duŝejoj en ĉambroj du- aŭ trilitaj ................ 12.- USD

Notu bone, ke oni devas antaŭpagi ankaŭ la tutan sumon por tranoktado.

En kazo de malmendo antaŭ la 10an de aprilo 1991 oni redonos la pagitan sumon.

- - -

Tio estis ekonomia flanko de la 43a IFK. Sed memoru, ke la situacio en la nuna erao rapide ŝanĝiĝas, kaj tial ni klopodos doni ĉiujn novajn informojn kiel eble plej baldaŭ. Eventuale kontaktu vian landan asocion aŭ la IFEF-kasiston. Aliĝilo kun ĉambromendilo, do pli nova eldono ol tiu dusponebla en Hamar, jam ekzistas.

\- - -

Du aliaj aranĝoj okazos lige al la 43a IFK, nome la konferenco **FERVOJO SOJLE AL 3a JARMILO** en Brno (CS) 9a-10a de majo 1991. Vidu IF 4/1990 pĝ 59 kaj petu antaŭaliĝilon ĉe d-ro Petr Chrdle, VÚZ - Fervoja Esplorinstituto, U. Lužického semináře 3, CS-118 57 Praha 1.

La alia estas **tutsemajna postkongreso** en Slovakio kun restadloko en urbo Žilina.

Korespondadreso pri la postkongreso: Magdaléna Feifiĉova, TOM 25/5, CS-010 01 ŽILINA.
Konto: Ĉeskoslovenská obchodna banka Žilina, ing Magdaléna Feifiĉova, Trieda obrancov mieru 25/5, Žilina, konto 3427-42474/700.

Postkongresa kotizo
- ĝis 31.12.1990: 25,- DEM
- ĝis 28.02.1991: 35,- DEM

Se vi transpagas en alia valuto ol germanaj markoj, bv aldoni 10% por bankelspezoj.

| | |
|---|---|
| Ekskursoj kaj vesperaj programoj | ... 1200 Kcs |
| Unulita ĉambro/7 noktoj | ... 1720 - |
| Lito en dulita ĉambro/ 7 noktoj | ... 1050 - |
| - - trilita ĉambro/ 7 noktoj | ... 770 - |
| Plenan pensionon de tagmanĝo 18.05 ĝis matenmanĝo 25.05 | 840 - |

Prezoj en ĉeĥoslovaka krono (Kcs) estos pageblaj surloke.

**Provizora programo**

Sa 18.05.91: Komuna vojaĝo de Brno al Žilina (ekzistas ebleco por Esperanto-trajno), loĝigo, trarigardo de la urbo, interkona vespero.

Di 19.05.91: Ekumena diservo, ekskurso al Vrátna-valo, vespere koncerto.

Lu 20.05.91: Tuttaga aŭtobusa ekskurso al Altaj Tatroj, trihora piedirado tra belega naturo, funikulara veturado, vizito en hotelo 'Esperanto' en Pribylina, vespere prezentado de slovakia E-movado, lumbildoj.

Ma 21.05.91: Tuttaga aŭtobusa ekskurso al Orava-kastelo, ŝipveturado sur granda akvobaraĵo, vespere pupteatro.

Me 22.05.91: Antaŭtagmeze ripozo, posttagmeze bivakfajro, kolbasrostado, kantado, amuzado.

Ĵa 23.05.91: Tuttaga aŭtobusa ekskurso al subĉiela muzeo, veturado per etŝpura historia vaporfervojo kun pintaj turnstacioj, vespere koncerto de slovakia popola ensemblo.

Ve 24.05.91: Tuttaga aŭtobusa ekskurso al kastelo Bojnice kaj al pitoreska vilaĝo Ĉiĉmany, adiaŭa vespero.

Sa 25.05.91: Post matenmanĝo forveturo.

■



## PROTOKOLO DE LA KUNSIDO ESTRARO - KOMITATO (publika) EN LA 42A IFEF-KONGRESO EN HAMAR (N)

Mallongigoj:
LKK = loka kongresa komitato, k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, Ck = ĉefkomitatano, l.a. = landa asocio, l.s. = landa sekcio, k-go = kolego, e-o = estraro, e-ano = estrarano, H.Pr = honora prezidanto, Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = Sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, IF = Internacia Fervojisto, FAK = Fake Aplika Komisiono, TK = Terminara Komisiono; por la landaj asocioj estas uzitaj la aútomobilkodoj.

UNUA PARTO, 05.06.1990

1. Malfermo, konstato mandatoj
Pr bonvenigas la ĉeestantojn kaj dankas pro la granda nombro de partoprenantoj.
Komence ĉeestas 22 voĉdonrajtaj k-anoj/kk-anoj kaj de punkto 7 aldoniĝas k-anoj Ullmann kaj Enev: sume 24.

| LANDO | KOMITATANO |
|---|---|
| Aústrio (A) | Leopold PATEK |
| Belgio (B) | Lucien DE SUTTER |
| Britio (GB) | Alan BURGESS |
| Bulgario (BG) | Enyo K. ENEV |
| Ĉeĥoslovakio (CS) | Jindrich TOMIŜEK |
| Ĉinio (TJ) | - |
| Danio (DK) | Jan NIEMANN |
| Fed.Resp.Germanio (D) | Hans-Jürgen RIEHN |
| | Otto RÖSEMANN |
| | Erhard HERLITZE |
| | Walter ULLMANN |
| Finnlando (SF) | Yrjö HILTUNEN |
| Francio (F) | Pierre ROBIOLLE |
| | Jean ROLLAND |
| Germana Dem.Resp. (DDR) | Achim MEINEL |
| Hispanio (E) | Rafael RUIZ |
| Hungario (H) | János PATAY |
| | Jozsef HALÀSZ |
| Italio (I) | Germano GIMELLI |
| Japanio (J) | - |
| Jugoslavio (YU) | Milivoje MARAŜEVIĈ |
| Nederlando (NL) | Jan BULTMAN |
| Norvegio (N) | Per Johan KROGSTIE |
| Pollando (PL) | Janusz FORTUNSKI |
| Svedio (S) | - |
| Svislando (CH) | Ernst GLÄTTLI |

| TASKO | KROMKOMITATANO |
|---|---|
| FAK | Petr CHRDLE |
| TK | - |

2. Ricevitaj telegramoj, leteroj
   Pr laŭtlegas ĉefajn partojn de salut- kaj kuraĝigaj leteroj de:
   S-ro Schmit, ĝenerala Pr de FISAIC;
   Hispana landa sekcio de FISAIC;
   d-ro Imre Pethes, Pr de M.E.M., el Hungario.

3. Honorigo de la mortintoj
   La ĉeestantoj honorigas la mortintojn de la pasinta jaro, kies nomojn Pr laŭtlegas:

| | |
|---|---|
| Belgio (B) | Benomi Deduytsche |
| Fed.Resp.Germanio (D) | Siegfried Bahalo 63 |
| | Gunter Bartz 58 |
| | Arthur Benders 90 |
| | Ortwin Brodt 73 (Federacia Meritkruco) |
| | Friedrich Busse 85 |
| | Karl Koenemann 86 |
| | Josef Ries 69 |
| | Gernot Ritterspach 61 (Arĝ.+ora medaloj FISAIC, Terminara laboro) |
| | Heinrich Ross 81 |
| | Alfred Schnetzer 81 |
| | Karl Simon 93 |
| | Konras Tasler 64 |
| Finnlando (SF) | Edvin Kuoppola |
| Hungario (H) | Laszlo Baronkay |
| Italio (I) | Dino Lanzoni 85 |
| | Geo Climelli 72 |
| Jugoslavio (YU) | Josip Zupanič 94 (IFEF-Hon.membro) |
| Nederlando (NL) | Jacob Johannes Labordus 76 (IFEF-Hon.membro, 32 jarojn Pr FERN. 4 ja. Ĉk, 3 foje LKK-Pr, Arĝ.medalo FISAIC) |

4. Informoj pri gravaĵoj el la nepublika kunsido
   Pr informas, ke la gravaĵoj venos en la vico de la tagordo.

5. Raportoj estraraj
   5.1 Sekretario
       Unuanime akceptita (vidu IF 2/90).
   5.2 Redaktoro
       Unuanime akceptita (vidu IF 2/90).
   5.3 Kasisto, konfirmo de kasraporto
       Unuanime akceptita (vidu IF 2/90).

6. Protokolo Salou
   K-ano Bultman plendas pri la presa malfruiĝo de la protokolo.
   23 por unu sindeteno (vidu IF 6/89).

7. Aliĝpetoj pri aniĝo de Slovakia Ferv. Sekcio ĉe Slovakia E-o-Asocio kaj de Estona Fervojista Sekcio
   Pr klarigas pri la du skribaj petoj enkadre de la nova Statuto. En Slovakio leĝaj problemoj malpermesas starigon de tutlanda (Ĉeňa-Slovaka) kultura asocio. Cetere en Soveta Unio ne ekzistas Ferv.Asocio, dum en Estonio estas k-goj, kiuj jam organizis sin kaj intencas aniĝi al IFEF.

Kelkaj k-anoj petas klarigojn kaj precizigojn.
La k-o voĉdonas pri la du petoj. Unuanime akceptitaj.

8. Estrarelekto (Pr - Ks) (Kongresproponoj n-roj 1 - 2)
Sub la gvido de Ĉk, kiu en sia funkcio proponis la elekton de nova Pr Per Engen (por Joachim Giessner, kiu demisiis) kaj la reelekton de Ks Henning Hauge, la k-o nomumas elektokomisionon, konsistantan el k-goj: Bultman, Patay, Fortunski.

Jen la rezulto de la elekto:

| | Jes | Ne | Sindetenas |
|---|---|---|---|
| Pr P.Engen | 24 | - | - |
| Ks H. Hauge | 23 | - | 1 |

S-ro Giessner gratulas al la elektitoj kaj precipe al la nova Pr s-ro Per Engen. Li aldonas, ke preskaŭ li ne scias kien iris la 22 jaroj de sia prezidanteco, post la elekto en 1968 en Bulgario. Laŭstatute la nova Pr Per Engen ekkomencas sian estradon.

9. Aliaj kongresproponoj
Propono n-ro 3
Pr laŭtlegas la proponon por nomumo de s-ro Giessner Honora Pr. de IFEF. La k-o aprobas ĝin unuanime kaj per longega aplaŭdo.
Vp anoncas, ke Francio intencas prezenti por venonta jaro kongresproponon por honorigo postmorte de iama prezidanto De Jong.
Nova Pr Engen donas oficiale honorigan insignon al s-ro Giessner, kiu kore dankas pro la ricevitaj honorigoj kaj memordonacoj. Li aldone esprimas sian ĝojon pri la ebleco honorigo k-gon De Jong, kiel la nova Statuto nun permesas. Li ankaŭ substrekas, ke li ĉiam estas kaj estos preta helpi kaj labori por IFEF.

Propono n-ro 4
Pr legas la proponon por ke Sk sendu la raportojn de estrarkunsidoj al ĉiuj k-anoj kaj kromk-anoj.
Ĉk atentigas, ke estas necese, ke la l.a. sendu regule ĝisdatitajn listojn de nomoj de k-anoj kaj ties adresoj.
K-anoj Ruiz kaj Gimelli sugestas sendon al l.a.-j kaj ne al k-ano.
La k-o aprobas, per 21 voĉoj por kaj 1 sindeteno (forestas Niemann kaj Ullmann).

10. Konfirmo pri invito al 43a kongreso
K-go Chrdle invitas al Brno en Ceñoslovakio (11-17.05.1991) kaj al la postkongresa aranĝo an Slovakio. La invito estas unuanime akceptita.

11. Raporto ĉefkomitatano
Ck De Sutter raportas pri la pasinta agadperiodo. Li partoprenis en du estrarkunvenoj (Bolonjo kaj Bruselo, de li organizita). Krome li forsendis unu cirkuleron kaj ofte korespondis kun la estraro. La raporto estas unuanime akceptita.

Laŭ propono de Pr la k-o decidas forstreki la punkton 16 kaj anticipe trakti la punkton 19.

19. Venontaj kongresoj
19.1 Elekto de lando por 1992

S-ro Giessner invitas la kongreson al Münster (Vestfalio) (D), okaze de jubileo de FISAIC. Datoj estas 16-22.05.1992.
Invito unuanime akceptita.

19.2 Diskuto pri pluraj eblecoj
Pr invitas la l.a.-jn pritrakti la eblecojn kaj anonci sin.

DUA PARTO, 07.06.1990

Ĉeestas 23 voĉdonrajtaj k-anoj.

12. Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj
12.1 Terminara komisiono
Ĉk De Sutter raportas pri la laboroj de TK kaj substrekas la necesson havi kunlaborantojn. Unuanime akceptita.
12.2 Fake aplika komisiono
Gvidanto Chrdle raportas pri la agado de FAK kaj anoncas la aperon de 2 kajeroj pri fakprelegoj, kiujn oni havos dum UK Havano. Unuanime akceptita.
12.3 Komisiito por Skisemajnoj
K-go Niemann raportas pri la sukcesinta lasta 31a IFES en Campo Tures/Sand in Taufers (I). Unuanime akceptita (vidu IF 2/90).
12.4 Koresponda Servo
K-go Robiolle informas, ke komisiito s-ro Joly (F) ne sendis raporton pro familiaj kaúzoj, kaj ke li ne plu povas daúrigi en la tasko. Oni ne povas voĉdoni pri la raporto. K-ano Gimelli sin proponas por la tasko. La propono estas unuanime akceptita.
12.5 Komitatano "A" de UEA
Vp Gulyás raportas ĝenerale pri la 74a UK en Brighton, memorante pri elekto de nova UEA-Pr, Komitato, ktp, kaj pri la bone organizita kontaktkunveno por fervojistoj, kun prelego kaj vizitoj. Ĉk De Sutter dankas k-gon Burgess pro la interesa vizito al riparejo. La detala raporto estas unuanime akceptita.

13. Resumo pri la raportoj de la landaj asocioj
Laú ties jarraportoj, Vp Gulyás amplekse resumas tre akurate kaj detale pri la situacio kaj pri la agado de la l.a.-j. Ĝis la ĝusta dato venis 14 raportoj kaj poste ĉiuj reagis. Unuanime akceptita. (Legu la resumon aliloke en ĉi tiu IF).

14. Resumo pri la situacio en kelkaj landoj
Britio: Post la alveno de k-go Burgess estas kontentiga.
Svisio kaj Finnlando: Estas stagno.
Japanio: Estas malfacilaĵoj, sed la agado daúras.
Rumanio: Espereble, ke baldaú restariĝos sekcio de IFEF.
Svedio: Oni devas trovi solvon. Ĉk instigas daúre klopodi al tio per kontaktoj al svedaj k-goj.

15. Budĝeto 1991 kaj kotizfiksado
Ks Hauge klarigas la budĝeton 1991. Fakte li proponas 2 budĝetojn, resp. por 5 kaj 6 SvF po membro. Estas necese sekvi la kreskon de la kostoj, dum en IFEF jam de multaj jaroj la kotizo estas la sama. Li ankaú klarigas, ke en la bilanco 1989 pri IF mankas la afrankaj elspezoj (ĉ.4.000 DKK) faritaj de Rd, kiuj kaúzos deficiton. La k-o voĉdonas unuanime por

la plialtiĝo al 6 SvF.

16. (Forstrekita)

17. Delegoj laú Statuto § 4 al 2) kaj § 8 al 3).c
Pr petas delegon de la k-o al la estraro pri honorigoj. Estas 23 voĉoj por kaj 1 sindeteno.

18. Rilatoj al aliaj organizoj
18.1 UEA
Vp memorigas pri la UK en Havano, al kiu tre verŝajne li mem, du danaj k-goj, d-ro Chrdle alflugos.
18.2 FISAIC
Ks kaj H.Pr informas pri la IFEF/FISAIC-rilatoj. La situacio estas sufiĉe favora. S-ro Robiolle aldonas sciigojn pri peto de s-ro Truelle por traduko de ĉiuj aktoj de FISAIC fare de speciala franca komisiono.

19. (Jam eltraktita en la unua parto)

20. Internaciaj skisemajnoj 1991 kaj 1992
Komisiito Niemann klarigas la atingeblecojn, prezojn, ktp kaj varme invitas al IFES en Les Contamines-Montjoie, proksime de Chamonix (F), por la proksima vintro. Datoj: 02-09.02.1991.
Por 1992 k-goj el Slovakio antaúvidas aranĝon en la Biskida Regiono.

21. Eventualaĵoj
K-go Gerhard Zeidler kune kun samlandano Heinz Hoffmann donacas en la manoj de s-ro Krogstie sian uniformon por la fervoja muzeo de Hamar.
K-ano Glättli plendas pro la, por li, malfrua apero de kongresproponoj en IF, kiu malpermesas ilian fruan pritraktadon enlandan. Rd Olsen proponas anticipan disvastigadon pere de cirkulero, sed, post diskuto, ne venas taúga solvo. La e-o pli pritraktos la aferon.

22. Libera diskutado
S-ro Barnickel atentigas pri la apero de "Unuecaj reguloj por la kontrakto pri la internacia fervoja transporto de varoj (CIM)", lasta atingo de la terminaraj fakuloj de IFEF.
K-ano Enev (BG) sciigas pri la lastaj ŝanĝoj en sia lando kaj pri la situacio en sia l.a., kiu nun estas iom nebula. Li klopodos informi akurate la e-on pri ĉia evoluo. Rd petas skriban raporton.

IFEF-Pr fermas la kunvenon dankante ĉiujn pro la kontribuo.

Bologna, 19.07.1990

Protokolis: Romano Bolognesi.

## RESUMA JARRAPORTO DE LA LANDAJ ASOCIOJ DE IFEF PRI LA JARO 1989

Ĝis la limdato dek kvar landaj asocioj sendis sian jarraporton. Je skriba alvoko fine ĉiu sendis ĝin, do tiu ĉi resuma jarraporto estas kompleta.

La ricevitaj unuopaj jarraportoj de la landaj asocioj ampleksas inter unu kaj dek unu paĝoj. La raportoj el Belgio, Ĉinio, Danio, FRGermanio, Hungario, Italio kaj Jugoslavio estis ekzemplodone ampleksaj.

1. **La landaj asocioj**
   Laŭ la raportoj ĉiu landa asocio havas sian estraron, la nombro de estraranoj varias inter 3 kaj 12.

   La membraro de la landaj asocioj nombras 4857, ĝi malkreskis per 246 kompare la antaŭan jaron. La landaj asocioj raportas pri 2123 IFEF-membroj, kun 20 membroj pli, ol en la antaŭa jaro. El la membroj de IFEF 51 procentoj estas emerituloj, unu procenton pli ol dum la antaŭa jaro. La membronombro de la emerituloj varias inter du procentoj (Ĉinio) kaj okdek procentoj (Britio). Nur Norvegio raportis pri iom da kresko de membronombro.

   Laŭ la raportoj de kluboj troviĝas en 134 lokoj. Tiu ĉi cifero kreskis kompare kun la antaŭa jaro.

2. **Landaj organoj.**
   Dek kvar landaj asocioj havas propran organon. Danio, Francio kaj Nederlando aperigas ĝin dek unu-foje, Aŭstrio, Britio, Ĉinio, Jugoslavio kaj Svedio ses-foje, FRGermanio kvin-foje, Germana Demokrata Respubliko, Hungario, Italio kaj Svisio kvar-foje, la ceteraj malpli foje. Hispanio regule aperigas informilon. Sep landaj asocioj ne aperigas periodaĵon. La totala amplekso de tiuj periodaĵoj nombras 919 paĝojn, malpli ol en la antaŭa jaro.

   Britio, Danio, Francio, GDR, Italio, Hungario kaj Nederlando raportas aperigi ĝin sole en Esperanto, Aŭstrio, Ĉinio, Jugoslavio, Svedio kaj Svislando raportas pri dulingva.

   La landaj asocioj en Belgio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Ĉinio, GDR, Hispanio, Jugoslavio kaj Svedio raportas, ke ili havas spacon en aliaj revuoj, Hungario raportas pri porokaza aperigo en aliaj revuoj entute proksimume sur 100 paĝoj.

3. **Rilatoj kun fervojaj kaj aliaj instancoj.**
   Britio, Finnlando, Japanio kaj Svedio raportas, ke ili ne havas rilatojn al fervojaj administracioj, la ceteraj landaj asocioj havas, eĉ Belgio, Danio, Hungario kaj Nederlando raportas pri bonaj kontaktoj. Britio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, FRGermanio, Hispanio, Japanio, Pollando kaj Svedio ne ricevas financan apogon de la fervojo, la ceteraj pli-malpli ricevas, Bulgario, Finnlando, Japanio kaj Svedio ne raportas al la fervoja instanco pri sialanda Esperanto-movado.

   La klarigoj de la oficialaj fervojaj horarlibroj aperas ankaŭ en Esperanto en Ĉeĥoslovakio, Danio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Norvegio kaj Pollando.

   Al FISAIC-organizaĵo havas rilatojn Aŭstrio, Belgio, Danio, Francio, FRGermanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Nederlando, Norvegio kaj Svisio. En Hungario tiu rilato estas evoluiĝanta, Ĉeĥoslovakio raportas, ke ili konstruas la vojon por estigi

tiun. La ceteraj havas nenian rilaton al FISAIC-organizaĵo. Ses landoj raportas, ke iliaj membroj funkcias kiel estrarano de FISAIC-landa organizaĵo.

Aústrio, Bulgario, Ĉinio, Francio, FRGermanio, GDR, Hungario, Jugoslavio, Norvegio kaj Svislando havas rilaton kaj ricevas subvencion de la landa sindikato. Tiuj landoj raportas al sindikato pri la Esperanto-movada agado. Dek tri landaj asocioj kunlaboras kun la libertempaj, sportaj, kulturaj organizaĵoj por fervojistoj.

Ĉeĥoslovakio, Ĉinio, GDR, Hispanio, Hungario, Italio kaj Jugoslavio havas rilatojn al nefervojistaj organizaĵoj, eĉ pluraj el ili kunlaboras.

4. **Kunlaboro - Rilatoj kun aliaj esperantistaj organizaĵoj.**
Dek tri landaj asocioj kunlaboras kun UEA, ok landaj asocioj kun SAT. Krome dek ok landaj asocioj havas bonajn kontaktojn, respektive kunlaboron kun ceteraj Esperanto-organizaĵoj, ekzemple kun Mondpaca Esperantista Movado (MEM), Universala Medicina Esperanto-Asocio (UMEA), Internacia Poŝtista Telekomunikista Esperanto-Asocio (IPTEA), Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI), Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno (IEMW), Natura kaj Socia Sciencaj Asocioj, kaj tiel plu.

5. **Informado kaj varbado.**
Nur Bulgario, Japanio kaj Svedio raportas pri tio, ke ili ne instigis aperigi artikolojn en gazetoj. La ceteraj landaj asocioj raportas pri pozitivaj faktoj, inter ili FRGermanio raportas pri sepdek naú artikoloj kaj Ĉeĥoslovakio pri kvindek kvar artikoloj. Tiuj aperis ĉefe en fervojaj, plue en fakaj revuoj, multaj en lokaj tagaj gazetoj.
Dek kvin landoj raportis pri la distribuo de priesperanta informmaterialo. Inter ili elstaras Italio per dekmil unufoliaj materialoj. Dek landaj asocioj raportas pri la distribuo de plurfoliaj informiloj, Francio raportas sesmil, Jugoslavio kvinmil. Ok landaj asocioj raportas pri la distribuo de afiŝoj, ĝia nombro estas entute kvarmil ekzempleroj, inter ili Norvegio raportas pri dumil. Kaj la informilojn kaj la afiŝojn oni disdonis ĉefe al deĵorejoj kaj okaze de aranĝo de ekspozicioj, respektive al interesiĝantoj.

En dek du landoj okazis kvindek naú fakprelegoj plejparte pri fervojaj novaĵoj, pri la laboro de la pasintjara IFEF-kongreso, pri la Fervoja Terminaro.

En Aústrio, FRGermanio, Hispanio, Hungario, Italio okazis (entute dek kvar) prezentaĵoj en radio, plue en Danio, Hispanio kaj en Italio okazis entute ses prezentaĵoj en la televido. Francio raportas pri surstrata manifestacio.

Ok landaj asocioj entute en dek ses urboj aranĝis dek naú ekspoziciojn, kiujn vizitis 14500 interesiĝantoj, krome Italio raportas pri "miloj" sen cifero.

Dek du landaj asocioj raportas pri aliaj metodoj por informi kaj varbi neesperantistojn. Tiuj okazas per informkestoj, murgazetoj, anoncoj en gazetoj, ĵurnaloj. FRGermanio indikas tiun metodon per "Telekurso, indiko en la DB-Inter-Rail-Prospekto".

6. **Kunvenoj, kursoj kaj tiel plu.**
Ĉiuj landaj asocioj aranĝis estrarkunsidon, ties nombro laú landoj varias inter unu kaj dek sep, entute naúdek du. La ĉefaj temoj

de tiuj kunsidoj estis administraciaj, financaj, organizaj, movadaj, kongresaj aferoj, laborplano kaj la taksado de ĝiaj rezultoj. Krome en dek kvar landoj okazis entute 263 membrokunsidoj ĉe la fakgrupoj de la landaj asocioj, kies temoj estis la antaŭe menciitaj.

En dek landoj okazis okdek lingvokursoj memstare, krome en du landoj okazis lingvokursoj aranĝite komune kun nefervojistaj Esperanto-organizaĵoj. La nombro de tiuj kursoj entute estis 751. Ĉe la kursoj elstaris Hungario kun 181 kursanoj, Francio kun 180 kursanoj, Jugoslavio kun 140 kursanoj kaj Ĉinio kun 70 kursanoj. Inter ili Belgio raportas pri koresponda kurso kaj pri du konversaciaj kursoj.

Pri aliaj edukaj aktivecoj raportis Ĉinio en universitato. FRGermanio raportis pri "Tele-kurso". Hungario aranĝis la tradician pliperfektigan seminarion por la gvidantoj de la fakgrupoj.

Aŭstrio aranĝas jarkunsidon en ĉiu dua jaro, pro tio en 1989 ĝi ne okazis. Same ne okazis en Ĉinio, Danio, Hispanio kaj en Italio, sed la ceteraj landaj asocioj (16) aranĝis. La raportoj informas pri entute 794 partoprenintoj, 47 eksterlandaj gastoj. Dum tiuj jarkunsidoj en sep landoj okazis entute 25 prelegoj, 11 ekskursoj. En ĝia kadro okazis solenaĵo en Ĉeĥoslovakio pri la 150jara jubileo de la fervojo sur ĉeĥoslovaka teritorio, en FRGermanio okazis akcepta solenaĵo, en tri landoj ili aranĝis ankaŭ kulturajn programerojn.

Internacian Fervojistan Renkontiĝon aranĝis Ĉeĥoslovakio kaj Jugoslavio.

Laŭ la jarraportoj de la landaj asocioj la pasintjaran Internacian Fervojistan Kongreson (en Salou) la ĉinoj kaj japanoj ne partoprenis, sed krom la membraj asocioj de IFEF unu persono partoprenis el Latvio, du personoj el Litovio kaj unu persono el Usono, entute 537 partoprenintoj rolas en la jarraportoj.

15 landaj asocioj utiligis la gazetaran servon el Salou. Kvar landaj asocioj esprimis opinion pri tiu ĉi gazetara servo. Hungario menciis, ke mankas el tiu la informo pri la lastaj eventoj de la kongreso, Svislando menciis, ke ne akurate ĝi eldoniĝis.

Kvin landaj asocioj aperigis la kongresan fakprelegon en Esperanto-revuoj, dek landaj asocioj en nacilingvaj fervojistaj revuoj, tri landaj asocioj en aliaj gazetoj, kaj tri landaj asocioj menciis ĝin en raportoj.

8. **Junularo.**
Dek kvin landaj asocioj raportis pri la junularo. Laŭnombre IFEF havas 682 gejunulojn sub la trideka vivojaro. Tiu ĉi indiko montras kreskon, 126 pli ol en la antaŭa jaro. Laŭ landoj la nombro de la junuloj varias inter unu (Svedio) kaj tricent (Jugoslavio). Krome Hungario havas multajn junulojn, cifere 180. En la ceteraj landoj la nombro de tiu estas sub 50. Ĝojiga kaj esperiga estas la raporto de Ĉeĥoslovakio, ĉar ili registris 24 novajn membrojn.

Neniu asocio havas apartan junularan grupon.

9. **Terminara kaj traduka laboro.**
Koncerne la tradukon de UIC-leksikono la landaj asocioj raportis la sekvajn:

**Aŭstrio:** Ne ekzistas iu aktiveco,

**Belgio:** kunlaboras en Terminara Komisiono,

**Britio:** ne komencis traduki al la nacia lingvo,

**Bulgario:** organizas la tradukon al nacia lingvo,

**Ĉeĥoslovakio:** finis la prilaboron de Terminaro (ĉeĥa-esperanta kaj esperanta-ĉeĥa) ili transdonis al Teknika Sekcio por recenzi ĝin.

**Ĉinio:** tradukas ĝin al ĉina lingvo,

**Danio:** kvin-persona teamo tradukas al dana lingvo,

**Finnlando:** ne aktivas, ne havas kvalifikajn esperantistojn por kapable traduki al finna lingvo,

**Francio:** ne partoprenis en la novaj taskoj de Terminara Komisiono,

**FRGermanio:** tra aktive laboras prepari la Aktualan Fervojan Vortaron kaj la Difinvortaron,

**GDR:** kunlaboras en la Terminara Komisiono,

**Hispanio:** ne aktivadas,

**Hungario:** estas preta la traduko al hungara, ankoraŭ mankas la financa bazo por eldoni,

**Italio:** daŭras la traduko, laŭplane ĝis la fino de la unua duonjaro de 1990 estos preta,

**Japanio:** raportis nenion pri tio,

**Jugoslavio:** la traduko de UIC-leksikono estas planata en oficialaj instancoj de Jugoslava Fervojo,

**Nederlando:** provizore paŭzas,

**Norvegio:** ne ekzistas terminara laboro,

**Pollando:** la traduko al pola lingvo progresas per ok-persona grupo,

**Svedio:** la manuskripto estas preta, nur kelkajn literojn ili devas recenzi, poste ili devos ordigi laŭ sveda alfabeto,

**Svislando:** volas informiĝi ĉe la germanaj kolegoj pri la traduko al germana lingvo.

Dum la jaro 1989 ĉe neniu landa asocio okazis traduko de Konvencio.

Dek unu landaj asocioj raportis pri aperigo de fakaj artikoloj. Inter ili estas originalaj kaj tradukitaj.

10. **Diversaĵoj.**

**Ĉinio:** preparas verki la historion de ĉina fervoj-konstruado.

**GDR:** la ŝanĝo de la politika situacio en la lando ofertas multajn novajn bonŝancojn: ekzemple pli facile ili povas kunagadi en la internacia Esperanto-movado por la nova vojaĝpolitiko, malkaŝe ili povas klarigi la problemojn pri persekuto de Esperanto, sub la tegmento de Esperanto Asocio de GDR novaj faksekcioj ricevos lokon (ekzemple ILEI, IKUE, SAT),

**Hungario:** la Fervojista Esperanto-Sekcio havas rezidejon en la Generaldirekcio de MÁV, Fervojista Sekcio havas dungitojn, propran Esperanto-bibliotekon, eldonas la statistikan kajeron de MÁV en Esperanto, funkcias radio-amatoroj. La estraro de Hungara Esperanto-Asocio distingis naŭ fervojistajn aktivulojn pro ilia longdaŭra kaj elstare rezulta agado,

**Italio**: okazis multaj pri- kaj por-esperantaj manifestacioj, eldonis libron pri "Historio de Esperanto en Emilia Romagna",

**Japanio**: havas tre malfacilan situacion pro la divido de la Nacia Fervojo je ses privataj fervojoj, renoviĝis la estraro, la landa asocio havas soliderecan kontakton kun la ĉina filio de IFEF, ili pagis la IFEF-membrokotizojn por 21 membroj por la jaroj 1988, 1989 kaj 1990.

**Jugoslavio**: aperigis novan (la sesan) eldonon de speciala lernolibro por fervojistoj per la subvencio de la Fervojo,

**Pollando**: En la spektakla salonego de fervoja direkcio en Katowice aktorino Jadwiga Gibczynska esperant-lingve prezentis monodramon sub titolo "Ĉu la nepoj nin benos?". Estis granda sukceso.

**11. Fina komentario.**
La membro-nombro de la landaj asocioj plejparte - kvankam ne tro, tamen - malkreskis, en kelkaj landoj stagnas, nur ĉe malmultaj sukcesis kreskigi ĝin. Same la membronombro de IFEF sume malkreskis. Tiu ĉi fakto devigas nin direkti nian atenton al tiu ĉi agadtereno.

La komentario de la unuopaj landaj asocioj pri nia movado estas tre varia. Laŭ la raportoj niaj landaj asocioj en Ĉeĥoslovakio, Ĉinio, GDR, Japanio, Norvegio kaj Pollando evoluas. La movado estas stabila en la landoj Britio, Danio, Hungario, Francio, FRGermanio, Hispanio, Jugoslavio, ĝi stagnas en Aŭstrio, Belgio, Nederlando kaj Svislando, fine la movado vegetas en Finnlando kaj Svedio.

En kelkaj landoj malboniĝis la financa situacio pro la inflacio, ekzemple en Hungario, Jugoslavio kaj Pollando.

Tamen nia internacia movado plifortiĝis dum la pasinta jaro. La plej grava rezulto estas la apero de Fervoja Terminaro, nome la traduko de UIC-Terminaro al Esperanto. Tiu ĉi akto plifortigas la fakan laboron.

El la jarraporto de la unuopaj landaj asocioj mi povas konkludi tre modestan evoluon.

Budapest, la 23an de majo 1990.

István Gulyás
vicprezidanto de IFEF

## LA 75A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

La 75a Universala Kongreso de Esperanto okazis en la ĉefurbo de la malproksima insullando Kubo, en Havano inter la 14a kaj la 21a de julio de la kuranta jaro. En Havano kolektiĝis 1614 esperantistoj el 54 landoj de ĉiuj kontinentoj. La kongreso estis internacia manifestacio de la esperantistaro.

LKK aranĝis riĉan programon por la gekongresanoj, kaj ĝi certigis ankaŭ la kondiĉojn al la trankvila laboro. La ĉeftemo de la kongreso estis "Esperanto, evoluo, kultura diverseco.

En la inaŭgura solenaĵo partoprenis la kuba prezidento Fidel Castro, la alta protektanto d-ro Rafael Rodrigez, aliaj kubaj ŝtataj kaj partiaj funkciuloj. La komitato de UEA kunsidis multfoje, kaj akceptis multajn konkludojn kaj rezoluciojn, el inter ili kelkajn:

De la 1a de januaro 1991 direktoro de la Centra Oficejo estos s-ro Osmo Buller, ĝis tiam ĝenerala sekretario de UEA.
De la sama dato, ĝenerala sekretario de UEA estos s-ro Ian Jackson, konata iama prezidanto de TEJO.

Estis aprobitaj la aliĝproponoj de du novaj Landaj Asocioj de UEA: ESTONA ESPERANTO-ASOCIO, kaj UKRAJNA ESPERANTO-ASOCIO.

Estis aprobitaj la aliĝpropono de ILEI, Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, fariĝi denove Faka Asocio Aliĝinta al UEA. ILEI, kiu jam havis tiun statuson, rezignis ĝin en 1974 post la Hamburga krizo.

La komitato de UEA akceptis la kongresan rezolucion, jene:

La 75a Universala Kongreso de Esperanto kunveninte en Havano (Kubo) de la 14a ĝis la 21a de julio 1990 kun 1614 partoprenantoj el 54 landoj, kaj traktinte la temon "Esperanto, evoluo, kultura diverseco"

<u>konstatas</u>,

ke la kultura diverseco estas grava parto de la homa heredaĵo kaj ke la morto de lingvoj kaj kulturoj estas signifaj perdoj de la homaro;

ke same tiel pri la kvalito de la biosfero ni respondecas pri la heredigo de tiu kultura diverseco al postaj generacioj;

ke el lingvoj kaj kulturoj konstante evoluas: minoritatoj aperas kaj malaperas dum la monda socia kaj ekonomia situacio ŝanĝiĝas;

ke aliflanke, simpla ignoro de la rajtoj de minoritatoj kaj koncentriĝo je plibonigo de materiaj vivkondiĉoj endanĝerigas la liberecon de unuopaj popoloj evolui laŭ propra maniero;

ke sekve necesas krei strukturojn por efike administri diversecon en mondo, kie la moderna vivo emas kondiĉi al ĉiam pli da unueco;

<u>bonvenigas</u>

la iniciaton de UNESCO lanĉi la Jardekon de Kultura Evoluigo, kaj notas, ke la Kongresa Temo estis rekte ligita al tiu jardeko;

<u>atentigas</u>

pri la valoro de Esperanto kiel ponto inter la lingvoj kaj kulturoj kaj medio por interŝanĝoj;

<u>alvokas Unesco-n,</u>

ke ĝi pli aktive utiligu Esperanton kiel rimedon de kultura interŝanĝo;

<u>rekomendas</u>

al la diversaj Esperanto-organizaĵoj, ke ili partoprenu en la Jardeko kaj konsekvence atentu en la agado la ligojn inter la Internacia Lingvo kaj kultura diverseco.

Pri fakaj laboroj traktis proksimume 30 organizoj, inter ili ankaŭ la fervojistoj.

La 17an de julio okazis la fervojista kunveno en la salono Salvesen, kun partopreno de tridek gekolegoj el 15 landoj. Inĝ. István Gulyás, vicprezidanto de IFEF prezidis la kunvenon, kaj enkonduke raportis pri la okazinta 42a Internacia Fervojista Esperanto-kongreso.

Poste d-ro Petro Chrdle (Ĉeĥoslovakio) informis la partoprenantojn pri la venontjara IFEF-kongreso, okazonta en Brno, Ĉeĥoslovakio.

En la nomo de la estraro de UEA ĉeestis s-ro Oszkár Princz, respondeculo pri landa kaj faka agado, kaj

li proponis pluan kunlaboron inter la landaj kaj la fakaj organizaĵoj.

Dum la kunveno okazis du fakprelegoj. Unue s-ro István Gulyás parolis pri la situacio kaj evoluo de la pasaĝer-trafiko en Eŭropo. Poste d-ro Imre Ferenczy, prezidanto de UMEA (Universala Medicina Esperanto-Asocio) prelegis pri la taskoj de la fervojistaj kuracistoj je la plej gravaj malsanoj. Pluraj ĉeestantoj alparolis kaj interesiĝis pri organizaj aferoj.

S-ro Fidel Castro, la prezidento de la Kuba Respubliko faris luksan akcepton por 150 esperantistoj. "Mi konsideras min soldato de Esperanto" --- diris li okaze de la akcepto.

Dum la kongresa semajno okazis ekskursoj, diversaj asembleoj, renkontiĝoj.

Mi povas konstati, ke la 75a kongreso de UEA bone sukcesis, ĝi estis rezultohava, kaj ĝi donis al la partoprenintoj neforgeseblajn travivaĵojn.

István Gulyás.

---

## KELKAJ RENKONTIĜOJ INTAJ/ONTAJ

7a kongreso de polaj esperantistoj-fervojistoj en WISŁA (PL) 28a-30a de septembro 1990. Wisła (elp. visua) estas la pitoreske situita ĉefurbo de Beskidmontaro kaj konata ripozloko kun favora klimato. Ampleksa kaj alloga programo.

Eŭropa Fervojista Esperanto-Konferenco en SPA (B) 1a-7a de oktobro 1990. Komuna aranĝo de pluraj landaj asocioj de IFEF. Feria kaj kongresa centro SOL CRESS (elp. sol kres) estas kadro de ampleksa faka, feria kaj kultura programo.

Nordiaj Kulturaj Tagoj en DRAMMEN (N) 7a-9a de septembro 1990. Riĉenhava programo por ĉiuj specoj de FISAIC-aktivecoj de fervojistoj kun partopreno de ĉ 300 el Danio, Finnlando, Norvegio kaj Svedio. Ankaŭ la esperantistoj kun fakaj prelegoj pri fervojaj preparoj por transporto de granda nombro de pasaĝeroj dum la vintra olimpiko en Lillehammer (N) 1994 kaj pri la foskaj konstrulaboroj por la tuneloj/pontoj ĉe Granda Belto (DK).

---



---

Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en novembro, estas 10.10.1990

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved